

Año II (N.º 16)

# BOLETIN

DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

Núm. 4

ABRIL 1950

Ruzafa, 7
VALENCIA
(ESPAÑA)

## CUESTION DE SERIEDAD

Como en todos los caminos, en el de la propaganda por un ideal se encuentran piedras que dificultan la marcha, y, por contrapartida, alguna que otra flor en las orillas, que aroman y embellecen la penosa tarea, dando alegría y vigor al viandante.

Piedras, y no pequeñas, son para nosotros, no las dificultades de nuestra misión, pues tarde o temprano han de ser arrolladas por nuestro empuje, sino la indiferencia y la ironía de simples y despistados, que, faltos de razones contra nuestra campaña, encuentran más cómoda y regocijante la burla infundada y estulta.

Las críticas más o menos razonadas no nos molestan, puesto que, al fin y al cabo, todo razonamiento bien planteado ha de conducir inexorablemente, a la justificación de nuestra lucha por el Esperanto.

La alegación más corrientemente utilizada es: «El Esperanto es una utopía; ninguna persona seria puede molestarse en estudiarlo. No hay ni remota probabilidad de su aceptación. Y, en todo caso, después de aprenderlo ¿Para qué sirve?»

Esto es lo que todo esperantista se habrá oído cientos de veces, junto a una mirada irónicamente conmiserativa....

Pues bien; a los que tal cosa alegan, pensando tan solo en su insulismo mental, les contestaremos con dos hechos concretos, de última hora, que les demostrarán que muchas personas serias, de lo más serio que puede existir en el mundo, opinan muy favorablemente sobre el Esperanto.

«The Foreign Office Language Society», esto es, el «Departamento Linguístico del Ministerio Británico de Negocios Extranjeros», entre otros idiomas, enseña el Esperanto a diplomáticos, funcionarios civiles y oficiales del Ejército y Policía. Lo cual, lisa y llanamente quiere decir que, a pesar de que se ha pretendido convertir el idioma inglés en idioma universal, sus propios padrinos deben reconocer las grandes probabilidades de éxito del idioma de Zamenhof para tal destino.

Y no podemos dudar de que son gentes serias....

Por otra parte, no es cosa nueva que unos cuantos Obispos de la Iglesia Católica preconizaron recientemente en Austria y Alemania, la enseñanza del Esperanto en las escuelas y universidades, para dar a la juventud un instrumento de intercomprensión.

Con ello siguieron la pauta trazada hace unas décadas por S. S. Pio X°, repetidamente confirmada por S. S. Pio XII°, quien, durante el actual año Santo, recibirá en Roma el homenaje de los católicos esperantistas del mundo entero.

Es este un testimonio de una «seriedad» irrefutable, por no decir insuperable.

Así pues, si el Esperanto es tomado en serio por la Iglesia Católica y por el «Foreign Office», los que dudan de la «seriedad» de nnestro idioma están en peligroso trance de hacer «seriamente» el ridículo.



**La vorto Esperanto estas, per si mem, ne nur konata nomo de la lingvo internacia, sed populara kvalifiko de universaleco en kiu ajn afero facile komprenebla de plej diversa publiko. Jen do speciala kvalito de nia lingvo, pri kiu ne multe oni rimarkas!**

# PRAKTIKA VIRO

Hispana familio estis devigata veturi eksterlanden. La gepatroj tute ne konis fremdajn lingvojn. El la du filoj, la plej aĝa, «praktika» viro, lernis la anglan lingvon, ĉar parolata ĝi estis en la lando, kien ili iris. La plej juna filo, idealista viro, lernis Esperanton spite al la mokoj kaj rikanoj de sia frato. Alveninte en la havenon de la koncerna urbo tuj ekmontriĝis la netaŭgeco de la klopodoj de la plej aĝa frato por la interkomreniĝo kun la enlandanoj. Plenaj de amara sento, kaj kvazaŭ surdmutuloj, ili finis tiun malĝojan tagon en gastejo, sen amikoj, sen helpo kaj sen akompano.

La sekvantan tagon, la plej juna filo foriris de la gastejo kun sia patro; li montris ian adreson al preterpasanto, kiu per gestoj indikis al li direkton; fine ili haltis antaŭ pordo. Nia hispana amiko frapis timeme ĉe tiu pordo, kaj mezaĝa virino malfermis ĝin; ŝi rigardis kun miro tiujn, por ŝi, strangajn vizitantojn. Tuj ŝi demandis ion per nekompreneblaj frazoj; heziteme mia amiko diris: «Ĉu sinjoro H. loĝas ĉi tie?». «Jes, respondis la virino esperantlingve, bonvolu eniri la hejmon. Mi tuj avizos lin; sidu kaj atendu iomete», kaj ŝi ekiris surstraten.

La patro rigardis sian filon kun admiro, ĉar li ĵus konstatis du faktojn: oni bone komprenis lian filon, kaj oni lasis la domon sen timo al du nekonataj fremduloj. Post malmultaj minutoj, la virino revenis kun sia edzo, afabla persono, kiu salutis helpeme la vizitantojn. La juna filo klarigis al li la celon de tiu vizito, post kelkaj frazoj ili ĉiuj ekiris al la gastejo. Post reciproka prezentado, la enlandano konsilis al ili pri demarŝoj, projektoj k. t. p. Du tagojn poste, ili kunvenis kun aro da lokaj esperantistoj, kiuj baldaŭ fariĝis kvazaŭ familianoj kaj helpis ilin dum la malfacilaj tempoj, ĝis alkutimiĝo al moroj kaj kondiĉoj de la lando.

La «praktika» viro devis relernt la anglan lingvon «surloke», sed dank' ke li ankaŭ lernis la internacian lingvon, kiu tiel bone taŭgis, kiam la bezono premis.

D-ro CIRANO

---

# ĈU LA HOMOJ POVAS PAROLI KUN BESTOJ EN ILIAJ LINGVOJ?

*de K. Heinz Wernicke.-Munkeno (Germanio)*

La aŭtoro pli frue jam klarigis, (*) ke la bestoj uzas aliajn proprajn «lingvojn», nome, ke ĉiu vokala sono de la bestoj havas difinitan sencon. Nun li pretendas, ke la homo kapablas, per imitado de tiaj sonoj erarigi la alparolatan beston, kiu, tial, agas kvazaŭ ke samspecano estus tiel vokinta la sonon. Do, la homo povas paroli al la besto en ĝia lingvo. Por pruvi tiun pretendon, mi citu kelkajn ekzemplojn:

Estas konate, ke la ĉasisto allogas la virkapreolon, imitante la krieton de la kapreolino. En simila maniero ĉiu homo povas venigi fenikuron fajfante la allogan tonon de ĉi-tiu birdo. Tiu tono estas facile imitebla. Sciuro, timete alrigardanta ĝenantan homon respondas ties klakantan sonon, estigatan per la lango, per samaj sonoj. Konatulo mia frumateme, per laŭta kokokriado, instigis ĉiujn najbarajn virkokojn respondi en pli malpli harmonia koncerto. La plej bonan ekzemplon la aŭtoro travivis dum migrado tra la kamparo. Li aŭdis virkokon allogantan belan kokinon. Kiam la aŭtoro ĵus aŭdinte la allogan tonon bone imitis ĝin, tiam la virkoko, jaluze, ataketis lin kaj volis forpeli la rivalon. Tio forte min impresis!

(*) Komparu la artikolon «Pri la lingvo de la bestoj» reproduktita el germana gazeto en la Septembra numero de nia Bulteno, kiun ni rekomendas relegi.

# SCIENCA DISKONIGADO

## GRAVA ELTROVO KONTRAŬ LA ASTMO

*De D-ro R. Herrero - Valencio*

La Medicino progresas rapide, fare de pacienciaj kaj meritplenaj studoj de senlacaj serĉantoj. Foje la bonfara eltrovo estas sekvo de centoj kaj miloj da provoj, malsukcesintaj, sed preparigaj por la sukcesplena rezulto. Alifoje, la eltrovo ne sekvas tiujn alkatenitajn traserĉojn, kaj ĝi kvazaŭ ŝprucas senvole kaj aperas kiel konkreta fakto, antaŭ la okuloj de la observema kuracisto; kaj, per tiu neatendita rezulto oni aldonas al la kuracilaro novan metodon por mildigi aŭ forigi kelkajn aliajn gravajn malsanojn.

Ĉiuj scias, ke la mirinda eltrovo de la X radiojn, kies uzado tiom helpas al la diagnozo kaj kuracado de multaj malsanoj, okazis hazarde, kaj la observema kaj deduktema Rötgen bone eltiris rezultojn de tiu hazarda okazintaĵo. Multaj similaj faktoj, observitaj de zorgemaj kuracistoj, riĉigis la kuracarton per novaj metodoj aŭ medikamentoj; ofte, jam konataj kuraciloj, pacience studataj, trovas pli larĝan uzadon kaj iĝas pli gravaj ol antaŭe.

Inter la malsanoj, kiuj kruele vipas la homaron, troviĝas tiu nomata astmo, karakterizata de atakoj dum kiuj la spirado okazas tre malfacile kaj suferplene, kun konscio de baldaŭa sufokiĝo, kiu pliigas la draman situacion de la suferanto. Por forigi aŭ mildigi tiun neeltenelan suferon, oni elpensis multajn kuracilojn, sed la multeco de rimedoj jam indikas la necertecon de la rezultoj.

Kaj, jen la eltroveto! De multaj jaroj, la kuracistoj uzas, por kuraci infektojn, elsangigojn kaj anemiojn, ian benzenan sulfamidon, vulgare nomata konga ruĝo.

La kuracilo ne estis tre uzata, ĉar ties uzado ne donis tre brilajn rezultojn. Sed, foje, oni observis, ĉe malsanulo al kiu oni injektis kongan ruĝon por korekti elsangigon, ke li ne plu suferis astmajn krizojn, kiuj, tre ofte vipis lin antaŭ la injektoj. Oni provis la kuracadon per konga ruĝo ĉe aliaj astmosuferantoj, kaj la rezultoj estis tre kuraĝigaj La scienco, do ne haltas en sia irado!

Mi povas aserti la taŭgecon de la metodo, kiu, ankaŭ estas tute ne malutiliga, ĉar mi provis la metodon ĉe malsanulino tre punata de astmaj krizoj; tuj, de post la unua injekto, la krizoj tute malaperis, kaj dekkvin tagojn post la lasta injekto, ŝi ne plu suferis novajn atakojn.

Mi rapidas komuniki tiujn kuraĝigajn faktojn al la esperantistaro, por ke ĉiuj povu bonigi la staton de suferantoj, se, hazarde, ili ankaŭ konas tiajn kompatindajn malsanulojn.

**Habiendo sido aprobados por la Superioridad los nombramientos efectuados, los componentes de la nueva Junta Directiva de nuestra Federación ya han tomado posesión de sus cargos, y se complacen en saludar a todos los afiliados y amigos del Esperanto en España. A la vista de los progresos realizados hasta la fecha, que demuestran una evidente madurez de nuestras actividades, ¿sería prematuro ir estudiando la posibilidad de celebrar una Asamblea o Congreso nacional, durante el verano de 1951, en la población que reuna las mejores condiciones para ello? Sirvan estas líneas como una simple sugerencia, que sometemos a la consideración de nuestros amigos, esperando conocer la opinión de ellos para dedicar a este asunto, si se toma en cuenta, la atención que su importancia merece**

Gaja kaj feliĉa epizodo estis la ekskurso, kiun tra la arbaro faris karavano esperantista, je honoro de eksterlandaj gesamideanoj. Tra vojetoj, inter pinoj, aŭdiĝis kantoj kaj paroloj en la lingvo internacia; kaj apud fontoj densiĝis familiaj rondoj, en diligenta kunlaboro, ĉirkaŭ la altaro de pli aŭ malpli bongustaj manĝaĵoj, ĉar apetito ne mankis! Altaj rokoj kaj fortikaj kverkoj donis fonon de sovaĝa beleco al la pejzaĝo, tute nova kaj loga por la scivolaj rigardoj de tiuj geamikoj el ebenaj landoj, kiuj verŝajne unuan fojon fendis la misteron de abrupta montaro. Iliajn paŝojn mi sekvis zorgeme, mi aŭdis iliajn vortojn plenplenajn de admiro, mi klare perceptis la skuetojn de ilia emocio, kaj intime mi ĝojis treege pro ilia ekstazo antaŭ la naturo, sub hela lazuro, kie same libere trilas la kardelo, kiel kviete ripozas la bela malbela skorpio, kun sia damnita venena pikilo, interne de ŝtona ŝirmejo. Kiam denove, en la frua vespero, la arbaro restis sola kun siaj kutimaj loĝantoj, mi turnis min tuj al miaj helpemaj kolegoj, la ceteraj koboldetoj, kaj dankis al ili la servon, kiun ili plenumis nevideble gvidante, tra sekura loko, la vagadon de la esperantistoj, kiuj dum tuta unu tago, estis niaj gastoj laŭ mirinda ekzemplo, ke vere ja ebla estas harmonio kaj vivado en paco de homo kun homo.

Kaj nun, post mia societa kroniko, decas jam raporti pri ĵusa legado de kelkaj gazetoj, kies titoloj ankoraŭ ne aperis en mia rubriko:

# INTER LA PROZO DE

THE BRITISH ESPERANTIST fine trafis miajn manojn, kiuj plej scivoleme foliumis la paĝojn de tiu longe atendata gazeto de la anglaj esperantistoj; kun sobra aspekto kaj serioza enhavo, plej parte en angla lingvo, ĝi estas aŭtoritato inter ĉiuj naciaj periodaĵoj de la esperantismo. LA SUDA STELO, organo de Jugoslavia Federacio, estas grandformata kaj bele presita gazeto kun multaj ilustroj; sub rubriko «Literaturo, Arto, Scienco» aperas bonegaj specimenoj. Jen komenco de tikla artikolo pri eterna temo «...evidentiĝis, ke ekzistas du opinioj koncerne la aktivigadon de societaj kunvenoj: Unuj opinias, ke, pere de la jam ekzistantaj societaj fortoj, oni devas fari la kunvenojn allogaj por novuloj; kaj la aliaj dezirus, pere de kursoj por komencantoj, venigi freŝajn fortojn, kiuj poste povos aktive partopreni la programojn kaj riĉigi ilin». VERDA STELETO, monata informilo de Centra Esperanto-Oficejo en Italio, estas tre bela kaj ampleska gazeto reproduktita per litografia procedo; jen do kurioza novaĵo! La distribuo



La vizito de eksterlandaj gesamideano
cis en nia pasinta numero, inter la ar
okaze de la printempaj festoj, ankaŭ t
plej multe agrabligis nian rondon, du
koncize dirite, ke gesinjoroj Schoon (N
sinjoroj Lanoux (Francio) estis en nia
tiva kompletigaĵo de nia propra famil
ni pretigis, Esperanto regis kaj pompi
festoj, interne de amuzejoj, apud gr
nejoj aŭ parkoj, survoje al najbaraj
kaj arbaroj, dum interesaj eksk
Ankaŭ estis tempo por viziti ĵus kor
Schoon faris provlecionon pri rekta r
toj. Ĉar nenio pli efika ol la faktoj, s
tis oportuna ŝanco por taŭga propaga
sperti mem la efikon de tiu proverbo
doloras disiĝo... Foriris jam la karaj
ro lasis. Sed, kune kun la dolĉaj rem
ne vana estas la senco de ĉi tiu

Gaja kaj feliĉa epizodo estis la ekskurso, kiun tra la arbaro faris karavano esperantista, je honoro de eksterlandaj gesamideanoj. Tra vojetoj, inter pinoj, aŭdiĝis kantoj kaj paroloj en la lingvo internacia; kaj apud fontoj densiĝis familiaj rondoj, en diligenta kunlaboro, ĉirkaŭ la altaro de pli aŭ malpli bongustaj manĝaĵoj, ĉar apetito ne mankis! Altaj rokoj kaj fortikaj kverkoj donis fonon de sovaĝa beleco al la pejzaĝo, tute nova kaj loga por la scivolaj rigardoj de tiuj geamikoj el ebenaj landoj, kiuj verŝajne unuan fojon fendis la misteron de abrupta montaro. Iliajn paŝojn mi sekvis zorgeme, mi aŭdis iliajn vortojn plenplenajn de admiro, mi klare perceptis la skuetojn de ilia emocio, kaj intime mi ĝojis treege pro ilia ekstazo antaŭ la naturo, sub hela lazuro, kie same libere trilas la kardelo, kiel kviete ripozas la bela malbela skorpio, kun sia damnita venena pikilo, interne de ŝtona ŝirmejo. Kiam denove, en la frua vespero, la arbaro restis sola kun siaj kutimaj loĝantoj, mi turnis min tuj al miaj helpemaj kolegoj, la ceteraj koboldetoj, kaj dankis al ili la servon, kiun ili plenumis nevideble gvidante, tra sekura loko, la vagadon de la esperantistoj, kiuj dum tuta unu tago, estis miaj gastoj laŭ mirinda ekzemplo, ke vere ja ebla estas harmonio kaj vivado en paco de homo kun homo.

Kaj nun, post mia societa kroniko, decas jam raporti pri ĵusa legado de kelkaj gazetoj, kies titoloj ankoraŭ ne aperis en mia rubriko:



# INTER LA PROZO DE LA ESPERANTISTA GAZETARO

**THE BRITISH ESPERANTIST** fine trafis miajn manojn, kiuj plej scivoleme foliumis la paĝojn de tiu longe atendata gazeto de la anglaj esperantistoj; kun sobra aspekto kaj serioza enhavo, plej parte en angla lingvo, ĝi estas aŭtoritato inter ĉiuj naciaj periodaĵoj de la esperantismo. **LA SUDA STELO**, organo de Jugoslavia Federacio, estas grandformata kaj bele presita gazeto kun multaj ilustroj; sub rubriko «Literaturo, Arto, Scienco» aperas bonegaj specimenoj. Jen komenco de tikla artikolo pri eterna temo «...evidentiĝis, ke ekzistas du opinioj koncerne la aktivigadon de societaj kunvenoj: Unuj opinias, ke, pere de la jam ekzistantaj societaj fortoj, oni devas fari la kunvenojn allogaj por novuloj; kaj la aliaj dezirus, pere de kursoj por komencantoj, venigi freŝajn fortojn, kiuj poste povos aktive partopreni la programojn kaj riĉigi ilin». **VERDA STELETO**, monata informilo de Centra Esperanto-Oficejo en Italio, estas tre bela kaj ampleska gazeto reproduktita per litografia procedo; jen do kurioza novaĵo! La distribuo de la fakoj kaj aranĝo de la paĝoj treege similas al nia Bulteno; estis agrabla surprizo vidi la tradukon de tuta paĝo el nia hispanlingva rubriko pri la tutmonda movado. **NIA VOCO** estas tre modesta kaj simpatia ĵus aperinta gazeteto de la Dana Laborista Asocio; en frontartikolo oni tamburas pri la jarkunveno, komence de Majo, en Odense, la bela norda urbo, kie ankoraŭ nun loĝas malnova amiko H. P. Frodelund, unua eksterlandano, kiu iam adresis leteron al mia fungodometo en la arbaro. Ankaŭ el malproksima Ameriko, spirite tiel proksima, venas tri novaj titoloj: **NIA FLAMETO**, monata organo de Rosaria Esperanto-Klubo en Argentinio; inter oportunaj artikoloj en hispana lingvo, pompas belaj klarigoj, elektitaj versoj kaj spritaj anekdotoj en Esperanto; **BULTENO** de Argentina Esperantisto daŭrigas la taskon kaj grupigas la fortojn laŭ nacia amplekso. Per la tuta forto de mia kobolda koreto, mi salutas la karajn geamikojn, kiuj varme kaj vigle laboras por sama idealo, trans la Atlantika oceano. De

La vizito de eksterlandaj gesamideanoj ĉiam estas bela plezuro. Kiel oni jam anoncis en nia pasinta numero, inter la amaso da eksterlandanoj, kiuj venis al Valencio, okaze de la printempaj festoj, ankaŭ troviĝis areto da gesamideanoj, kiuj per sia ĉeesto plej multe agrabligis nian rondon, dum la daŭro de kelkaj neforgeseblaj tagoj. Estu koncize dirite, ke gesinjoroj Schoon (Nederlando), gesinjoroj Martens (Belgio) kaj gesinjoroj Lanoux (Francio) estis en niaj hejmoj ne ja nur bonvenaj gastoj, sed efektiva kompletigaĵo de nia propra familio. Pro la diversaj aranĝoj, kiujn honore al ili ni pretigis, Esperanto regis kaj pompis ĉie ajn: meze de bruaj stratoj de la urbo en festoj, interne de amuzejoj, apud gravaj monumentoj aŭ ĉefaj vidindaĵoj, en promenejoj aŭ parkoj, survoje al najbaraj vilaĝoj kaj eĉ tra la impona kvieteco de montoj kaj arbaroj, dum interesaj okskursoj, kie oni povis longe kaj longe babili.

Ankaŭ estis tempo por viziti ĵus komencitan kurson, kie plej sukcesplene sinjoro Schoon faris provlecionon pri rekta metodo, kun ĝoja partopreno de ĉiuj gelernantoj. Ĉar nenio pli efika ol la faktoj, speciala intervjuo kun tre konata ĵurnalisto estis oportuna ŝanco por taŭga propagando de nia afero. Kaj fine, venis la momento sperti mem la efikon de tiu proverbo, kiu melankolie avertas, ke post alkutimiĝo doloras disiĝo... Foriris jam la karaj geamikoj! restas nur la malpleno, kiun ilia foriro lasis. Sed, kune kun la dolĉaj rememoroj de ilia restado, ni dorlotas la esperon, ke ne vana estas la senco de ĉi tiuj du tiel facile diritaj vortetoj: Gis revido!

tie ankaŭ venas, kun frataj salutoj, BOLIVIA REVUO heroldo de la internacia lingvo en lando, kie hispanoj povas paroli hispane. Kiel specimenon de ĉi tiu revueto mi prenas kelkajn vortojn, kiuj estas kvazaŭ aroga devizo: «Propagandon pri Esperanto oni devas fari nur pere de naciaj lingvoj, sed kiam oni skribas en la internacia lingvo, oni devas trakti pri aliaj temoj. En ĉi tio loĝas la valoro de Esperanto.»

IDIOMA INTERNACIONAL estas hispanlingva informilo el Montevideo, ĉefurbo de Urugvajo Kun bela preso, sur tre bonkvalita papero, la lasta numero informas pri la sindona agado de Henriko Legrand, ne sufiĉe konata pionoro, sed fervora apostolo de nia movado en suda Ameriko, kiu mortis antaŭ kelkaj jaroj. Salutinda estas la printempa ekflorado de nia gazetaro en la vasta kontinento, kie la lingva problemo ne estas tiel akuta, kiel en Eŭropo kaj Azio; pro tio mem, duoble salutinda! LA INTERLIGILO, centra organo de fakinformoj, kies redaktejo sidas en franca urbo, estas treege interesa informilo, precipe por la filatelistoj.

Jen ĉio do jam! Laca, tre laca mi estas hodiaŭ; forte mi emas al dormado, kun la espero revidi la agrablajn vizaĝojn de ĉiuj geamikoj, kiuj venis, ĝis la densejo de mia arbaro, por partopreni unu tagon en la hele sana vivo de libera naturo, ekster la rebriloj de fie gaja amuzado en grandaj ĉefurboj.

Tion opinias, kun via permeso

LA LEGEMA KOBOLDETO



# FACETAS DEL MOVIMIENTO ESPERANTISTA

ALEMANIA. — En Hamburgo se han ofrecido cuarenta maestros para enseñar el Esperanto en las escuelas municipales; habiéndose inscrito más de mil niños, todos ellos con el mayor entusiasmo.

«Germana Esperanto-Instituto» ha recibido las siguientes subvenciones oficiales durante el pasado año: 1.000 marcos del Ministerio de Instrucción de Westfalia; 2.000 del de la Baja Silesia; 1.000 del de Baviera y 500 del de Wurtemberg; también han concedido subvenciones el Ayuntamiento de Freiburg (500 marcos) y el de Munich (200 marcos).

COREA.—El Esperanto está siendo enseñado en el «Seoul Teachers College» de aquella lejana población.

ESTADOS UNIDOS. — Según una estadística realizada por «Amérika Esperantisto», once de las más grandes empresas de transportes y aviación del mundo, mantienen correspondencia internacional en Esperanto, hacen propaganda, contratan traductores y dan cursos de Esperanto a sus empleados; cuatro grandes industrias pesadas, varias manufacturas, catorce firmas importadoras y exportadoras, y once agencias de turismo, todas de importania internacional, dan y reciben informes en Esperanto.

FINLANDIA. — La Administración de los Ferrocarriles del Estado, ha editado, para entregar al personal de servicio en los trenes, un folleto para responder a las preguntas usuales de los pasajeros. dicho folleto está publicado en los siguientes siete idiomas: finlandés, sueco, ruso, alemán, inglés, francés y Esperanto.

HOLANDA. — La «Katholicke Radiogids» nuevamente emite su sección en Esperanto. En la Escuela Normal Católica de Arnheim «Insula Dei», funciona un curso. En la escuela profesional «Technicum», de Rotterdam, se ha hecho obligatorio cursar el Esperanto en los tres primeros cursos; 45 alumnos siguen dichos cursos.

CONGO BELGA. — Un curso de Esperanto se ha dado en la escuela de Elizabethville. ¡Hasta en el centro de Africa!...

FRANCIA. — Como consecuencia de la circular del Ministerio de Educación Nacional, de 11 de octubre de 1948, exponiendo a los rectores de establecimientos de enseñanza «el deseo de facilitar el desarrollo de estudios esperantistas,» muchos cursos de Esperanto se han organizado en los centros de primera y segunda enseñanza.

Los más interesantes son los organizados en las Escuelas Normales. En las de Besançon, Toulouse y Versalles, ha sido aceptado el Esperanto entre los tres estudios elegibles voluntariamente y se cursa como asignatura, dentro del horario obligado; en las de Lyón, Valence, París y Chalons-sur-Marne, los alumnos que lo desean cursan el Esperanto fuera del horario obligado.

GRECIA. — Durante el pasado año se han dado cursos de Esperanto en varias Escuelas Superiores e Institutos.

HUNGRIA. — El Esperanto puede ser enseñado en las escuelas, a título facultativo, según autorización concedida por el Ministerio de Instrucción.

POLONIA.—Los Ministerios de Correos y de Ferrocarriles han recomendado a los alumnos de sus Escuelas Técnicas seguir cursos de Esperanto.

SUECIA.—El Parlamento ha concedido una subvención de cinco mil coronas a favor de los cursos creados por la Asociación de Maestros.

NORUEGA.—Por la «Asociación de Maestros de Escuela Primaria» se ha organizado un curso de Esperanto para sus miembros.

NUEVA ZELANDA.—La «Escuela por correspondencia, del Estado», ha emitido por radio lecciones de Esperanto durante el último otoño.

# GRAMATIKO

Por lingva kulturo de ĉiuj parolantoj de la kataluna lingvo estas granda okazaĵo la ĵusa apero de «Gramática Valenciana» de M. Sanchis Guarner. Per tiu verko la aŭtoro evidentiĝas tre klera gramatikisto kaj filologo. La katalunlingva popolo el Valencio elstaras en la kataluna literaturo per la grandaj verkistoj Ausias March kaj Joanot Martorell, kiel klasikuloj. Ne tro mirigu, do, ke en la renaskiĝo de tiu literaturo estas bonaj aŭtoroj modernaj, prozistoj kaj poetoj. Pli maloftaj ol beletraj verkistoj, en ĉiuj lingvoj, estas gramatikistoj. Kaj post Lluís Fullana kaj Carles Salvador, nun aperas kiel lingvisto kaj eminenta filologo Sanchis Guarner. Lia verko estas profunda traktaĵo pri ĝenerala gramatiko. Granda helpo por esperantistoj, estas profunda kono, scio, de ĝenerala, komuna, gramatiko. Tiusence la «Gramática Valenciana» de Sanchis Guarner tre utila estos ja al ĉiuj katalunlingvanoj, speciale valencianoj, kiuj ĝin legos aŭ konsultos. kun serioza atento.

Multaj el la valenciaj formoj kiel **meua** krom la oficiala kataluna **meva**, **atre** krom **altre**, **ser** krom **ésser**, ekzistas en aliaj regionoj, eĉ tiel malproksimaj de Valencio kiel norde de Girono.

Kaj nun, okaze de tiu grava verko, ĉu ni faru enketon pri ortografio de iu vorto? Ne en ĉiuj katalunlingvaj regionoj konfuziĝis la fonemoj de **b** kaj **v**, kiel okazis en ĉiuj kastillingvaj regionoj. Tial niaj gramatikistoj povas certiĝi, ekzemple, pri la korekta ortografio de **llavi**, **cavall**, **provar**, **arribar**, kontraste kun la kastilaj **labio**, **caballo**, **probar** kaj la franca **arriver**. Tamen, estas vorto **tivar**, pri kies ortografio oni ankorau ne unuanime akordiĝis; iuj ĝin skribas per **v** kaj aliaj per **b**. Lastatempe ankaŭ Pompeu Fabra ĝin ortografiis per **b**. Mi havis okazon ĝin elparoligi al kataluno el regiono, kie **b** kaj **v** estas diference prononcataj; mi konstatis, ke tiu kataluno elparolis **tibar** kaj ne **tivar**. Ekzistas ankaŭ en Valencio regionoj, kie la diferenco inter **b** kaj **v** estas aŭdebla. Ni agrable surprizus la valencian eminentulon Sanchis Guarner, se ni, la esperantistoj, sukcesus klarigi per enketo ĉu valencianoj, kiuj diferencigas la fonemojn de **b** kaj **v**, elparolas **tibar** aŭ **tivar**.

**DELFI DALMAU** (Barcelono)

---

**CONGRESO UNIVERSAL DE ESPERANTO**
**en PARIS del 5 al 12 de Agosto de 1950**

La Federación Esperantista Española, con el buen deseo de facilitar a sus miembros la participación en este importantísimo certamen, ha realizado las necesarias gestiones, y se han logrado de una acreditada Agencia las siguientes condiciones de viaje (ida y vuelta), desde Barcelona a París, incluído el pasaporte:

| | | | |
|---|---|---|---|
| **En 1.ª** | **clase** | ...... | **1809'50 pts.** |
| **» 2.ª** | **»** | ...... | **1381'10 »** |
| **» 3.ª** | **»** | ...... | **1106'70 »** |

Naturalmente, los gastos de estancia y los de adhesión al Congreso (alrededor de 2000 francos) son por cuenta del congresista. Los interesados pueden dirigirse a nosotros en demanda de los necesarios detalles, con la seguridad de ser atendidos.

---

## ATENTIGO

**Pro internaj aferoj de la presejo, kie nia Bulteno estas prilaborata, la nuna numero aperas tre malfrue kaj kun evidentaj teknikaj mankoj. Nia kara legantaro scios pardoni, pro tio sincere ni dankas, kaj plej akurate ni zorgos.**

---

**«Ĵus ni ricevas komunikon el Romo, ke la Prezidanto de la Itala Ligo de Katolikaj Esperantistoj, kaj la Prezidanto de la L. K. K. pastro Carolfi, estas nomita Jubilea Konfesprenanto en la Baziliko de S-ta Johano en Laterano. Sur lia konfesejo estos la teksto: «ONI KONFESPRENAS EN ESPERANTO». La horoj estas: marde 9-10; vendrede 9-11; dimanĉe 10-12 kaj 16-17. Ne nur dum la kongreso, sed dum la tuta Sankta Jaro». Vere interesa sciigo por la katolikaj esperantistoj!**

Publikigita en «ESPERO KATOLIKA» n.° 391 Januaro 1950

# ☆ LA LERNEJO

## CONSULTORIO LINGÜISTICO

J. J. I. de CACERES.—El pronombre relativo SI tiene para los principiantes algunas dificultades, todo es cuestión de fijarse un poco al principio, hasta que se acostumbre usted y luego lo empleará adecuadamente siempre con suma facilidad. Tenga en cuenta que se refiere siempre a la tercera persona, cuando ésta es sujeto de la oración. Ejemplos: **Li parolis kun sia frato, ili finis sian laboron, la arboj donas siajn fruktojn.** Y si yo hablo con el hermano de él no se puede decir **mi parolas kun sia frato**, sino **kun lia frato.** Si yo termino el trabajo de ellos, **mi finas ilian laboron**, y no **sian laboron.** Y si yo cojo los frutos de los árboles, **mi prenas iliajn fruktojn.** En los casos en que la oración no tiene sujeto gramatical, y además depende de otra que sí que lo tiene, se debe considerar como sujeto no el de la oración de la cual depende, sino el sujeto lógico de la oración dependiente. Ejemplos: **La kaporalo ordonis al la soldato vesti sin** (la soldaton), **li konas kelkajn homojn nur por si malavarajn** (por ili), es decir, para ellos. Estudie bien estos ejemplos, ejercítese con otros y cualquier duda que tenga, escríbanosla sin reparo, pues ya sabe que se la resolveremos con mucho gusto. Estamos para esto, y nos alegramos cuando recibimos cartas de esta naturaleza, porque revelan el interés por aprender y perfeccionarse que tienen nuestros lectores. Preferimos explicar y aclarar las consultas cuantas veces sea necesario, a que el lector siga en sus dudas, usando incorrectamente el idioma. Damos a Vd. las gracias por sus alabanzas, que desde luego no merecemos. Saludos.

**J. Bosch**



## ANONCETOJ

**Ni akceptas anoncetojn kiuj rilatos al nia afero. Unu peseto au unu r-k. validas por du vortoj. Tri mallongigaj literoj valoras kiel unu vorto. Aparta tarifo por specialaj anoncoj.**

DR. E. TUDELA.—Ruzafa, 43. Valencia. Dez. koresp. kun ĉiulandanoj pri div. temoj. Respondo garantiata.

J. VIGO MESTRE.—«El Barato», Martinet de Cerdaña (Lérida), deziras korespondi kun fremdaj samideanoj pri arto kaj moroj.

GERMANIO. — SIEGFRED BREZINSKI - Bahnkofstr., 12 (21 a) Bockum-Hovel (Vestfalio) - deziras koresp kun gesamideanoj el Valencio.

JAPANIO.—RIOKITI KAMIYA-Sangyo Hukko Kodan - 35, Higasi 3 bantyo - SENDAI - serĉas gekorespondantojn hispanajn por japanaj geamikoj.

NEDERLANDO.—H. J. BELLAORD - VRIESPLEIN, 5 DORDRECHT deziras interŝ p. m. kun hispanaj amikoj.

## PARA NUESTRO BOLETIN

**4.ª lista de donativos (ABRIL 1950)**

| | | |
|---|---|---|
| **Suma anterior** | 329 | Ptas. |
| Vicente Perles (Miraflor-Vergel) | 19 | » |
| José M.ª Arias (Sevilla) | 10 | » |
| José Molina (Alfara de Algimia) | 5 | » |
| Florencio Muñoz (Alcázar S. Juan) | 10 | » |
| Pedro Alcedo (Bilbao) | 6 | » |
| Isauro Alvarez (Madrid) | 10 | » |
| Eusebio Pons (Barcelona) | 5 | » |
| Amado Pons (Barcelona) | 5 | » |
| Miguel Fábregas (Barcelona) | 5 | » |
| Luis de Otaola (Bilbao) | 1 | » |
| Excursionistas a Porta-Coeli (Valencia) | 25 | » |
| **Total** | 430 | » |

**Como puede verse, no decae el fervor de nuestros amigos. ¡Sigamos, pues con este ritmo!**

La mejor manera de favorecer al Esperanto en España es inscribiéndose en HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

| | | | |
|---|---|---|---|
| Socio de número ... | 12 | ptas. | anuales |
| Socio abonado.. ... | 25 | » | » |
| Socio protector... ... | 50 | » | » |

Las dos últimas categorías dan derecho a la recepción de nuestro Boletín.